Esperanto HAMBURG

6/1998

Oktobro/Novembro

Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.




# La montrofenestro de la klubejo somere bele arangxita kiel plagxo kun fisxhoko kaj pajla cxapelo.

Same kiel la bela fenestro, ankaux la klubaj vesperoj estas arangxitaj de diversaj klubanoj - kaj invitas al vizito. Venu kaj mem spertu, kian agrablan klubejon HES ofertas la siaj membroj kaj gastoj!

| Enhavo | Editorajxoj |
| --- | --- |
|  | Redaktofino de n-ro 1/99: 14-11-1998<br>Esperanto HAMBURG<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br>Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97 |

| | |
|---|---|
| 12. Kafoklacxo en Rostock<br>13. Internacia Festivalo<br>14. Zamenhoffesto | eMail: Hamburg@Esperanto.de<br>Prezidanto: Jürgen Wulff |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

---

**Sentenco**

La lingvo malbonigxas,
sed la funkcio de poeto estas
plivalorigi la vortojn.

Oktavio Paz
nobelpremiito

Enhavo

---

**Impresoj de la 83a Universala Kongreso**

La kongreso okazis de la 1a - 8a de auxgusto 1998 en Montpeliero.

En la kongreso partoprenis pli ol 3.100 personoj el pli ol 60 landoj. La plej multaj partoprinintoj venis memkompreneble el Francio, poste sekvis Japanio. En la infankongreso partoprenis 46 da infanoj.

La kongreso okazis en la Corum - la kongresa centro de Montpeliero. En la plej granda salono de la kongreso nur povis eniri 2.700 da personoj. Pro tio kaûzo oni devis dispartigi por la inauxguro de la kongreso la partoprinintoj en 2 grupoj. Tio estis la sola ebla solvo, sed tio ne placxis al mi. En la malgranda salono oni montris al ni sur ecrano la prelegoj de la inauxguro.

La kongresa temo estis: Mediteraneo - ponto inter kulturoj. Kelkaj prelegoj temis pri tio. Aliaj prelegoj havis francajn temojn, landaj kaj lingvaj temoj. Sed al mi mankis tamen prelego rilate al la franca lingvo kaj la angla influo sur la franca lingvo. Aliaj prelegoj havis fakajn temojn. La prelegoj de la internacia kongresa universitato estis haveblaj en la libroservo antaux la prelegoj mem. Tio estis bona ideo.

Okazis ankaux lingvaj kursoj, ne nur por Esperanto sed ankaux por la okcitana lingvo, cxar Montpeliero trovigxas en la okcitana regiono.

La kultura programo estis vasta kun teatrajxoj kaj koncertoj. La koncertoj ne nur estis en la Corum sed ankaux ekstere. Tio permesis ke ne nur la partoprenintoj de la kongreso povis auxskulti la muzikon.

cxiutage estis diversaj ekskursoj. Dum la ekskursoj oni ne kalkulis multe da tempo por la vizito mem, sed multe da tempo por la mangxo. Mi observis ke kelkaj partoprenintoj preskauxnur partoprenis en la ekskursoj kaj la distra programo.

Dum la kongreso aperis cxiutage la kongresa kuriero - kongresa gazeto - kun informoj kaj la listo de la novaj aligxoj.

La libroservo estis cxiutage malfermita abundan elekto da libroj pri fakaj temoj kaj romanoj.

Oni faris bonan laboron por la informo de la gazetaro kaj televido. Aperis multe da artikoloj - ne cxiam pozitiva - kaj intervjuoj en la radio kaj en la televido. Mi kunportis kopiojn de la artikoloj por la klubo. Kiam mi acxetis ion en malgranda vendejo cxe mia hotelo mi auxdis ke la vendisto parolis kun io alia pri nia kongreso.

La kongreso en Montpeliero estis mia dua kongreso kaj mi nur povas kompari gxin kun la kongreso en Prago. La etoso estis tute alia ol en Prago. Ekzemple, kiam mi iris la unua tago kongresejen mi renkontis virinoj de io azia lando kiuj tuj alparolis min kaj ni iris kune en la kongresejo. La homoj estis pli afablaj.

La kongreso de Montpeliero estas certe unu de la kongresoj kun la plej multe da partoprinintoj, sed se mi komparas la nombro de la partoprinintoj kun la nombro de la esperantistoj, mi demandigxas pri la graveco de la universala kongreso por la esperantistoj. El Germanio venis proksimume 200 personoj. cxu vere estas multe?

La venontaj kongresoj: 1999 Berlin, 2000 Tel-Aviv, 2001 Zagreb.

Pia Haasis

Enhavo

---

**Atentu! Atentu!**

Premiero en la klubo.

La 12an de novembro okazos luda vespero gvidata de Kerstin kaj Pia.

Ne temas pri sxako aux skato. Sed estas tamen konata ludo iomete sxangxita.

Se vi volas scii pli aux eble partopreni, vi tute simple venu la 12an de novembro.

Enhavo

---

Ni, Kerstin kaj Pia, planas semajnfinan seminarion

por marmorumi (kolorigi) pareron en la klubejo en novembro.

La prezo - materialo inkluzive - estas DM 65,—.

Se vi volas pli da informoj, bonvolu alparoli min,

telefonnumero 50 35 33.

Pia Haasis

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Oktobro | Novembro/Decembro |
|---|---|
| **1** *Roman Dobrczynski*<br>Regxisoro de filmoj<br><br>**8** *Werner Bormann*<br>UK en Montpellier<br><br>**15** Klubaj aferoj<br>"La Konsilantaro prezentas sin" forfalos<br><br>**10-11** Kurso por komencantoj<br><br>**20** estrarkunsido 18 h<br><br>**22** Sylwia Pöhlmann<br>IJK en Rijeka<br><br>**29** Video pri Auxstralio | **5** Klubaj aferoj<br>Programo de Zamenhoffesto<br><br>**12** *Pia Haasis/Kerstin Baasch*<br>Luda vespero<br><br>**19** *Werner Bormann*<br>Konferenco pri lingvistiko<br><br>**21-22** Kurso por komencantoj<br><br>**26** *Mariko Aoshima*<br>Ekonomia situacio en Japanio<br><br>**3-a de Decembro** Klubaj aferoj<br>Biblioteko<br><br>**5-a de Decembro: Kafoklacxo**<br><br>**12-a de Decembro: Zamenhoffesto** |

**Atentu! Atentu! Atentu! Atentu! Atentu!**

La jarcxefkunveno decidis altigi la kotizojn de
Hamburga Esperanto-Societo.

Kotizoj 1999

Ordinara membro: (gxis nun 65,--) **nova kotizo: DM 78,--**
Familiano, junululo sen enspezoj: (gxis nun 35,--) **nova kotizo: DM 42,--**

Enhavo

---




**Du und Deine Welt**

**la granda ekspozicio**

**en Hamburg**

La ekspozicio dauxris de la 2a de Auxgusto gxis la a de Septembro 1998. Ankaux cxi-jare la Esperanto-stando trovigxis en la halo 4, kie ankaux trovigxis aliaj kluboj kaj sociaj kaj socialaj asocioj. La ekspozicion vizitis proksimume 250.000 homoj.

La Esperanto-stando havis 12 kvadratajn metrojn kaj prezentis librojn, gazetojn, afisxojn kaj aliajn informilojn pri la Internacia Lingvo.

El pli ol 60 homoj, kiuj montris inmtereson pri pli profundaj informoj, almenaux 12 venis al la klubejo por sperti provlecionon.

Dankon pro ilia helpo al **Hella, Werner, Pia, Burkhard, Hannelore, Jan-Chriostoph, Jutta, Izet, Peggy, Wolfgang, Elsbeth, Klaus, Sylwia, Jürgen,** kaj **Britta** kun amikino **Sarah** el Holzwickede.

BK

Enhavo

---

**Jxauxde malsxlosi la klubejon**

La Hamburga Esperanto-Domo estu malferma Jxauxdede ek de la 19a horo. Por garantii tion, estas bezonataj personoj, kiuj venas iom pli frue por malfermi la klubejon.
- Ne cxiam la sama! - Elsbeth Wielgus ne cxiam havas tempon.
Ne estas granda laboro: Enskribu vian nomon por unu Jxauxdo en la kalendaron apud la informtabulo en la klubejo! (aux por du aux tri...)

Enhavo

---

**Redaktoro sercxata**

Cxu vi sxatus redakti nian bultenon? Vi havas la eblecon!
Se vi estas preta, mem skribi kaj redakti informilon - ankaux laux via propra stilo - anoncu tion al la estraro de HES.

Enhavo

---

**Interreto**

Membroj, kiuj havas propran interretan adreson, sendu tiun al Frank Merla.

Enhavo

---

**El Gxemela Urbo**

S-ro Frank Merla

Estimata samideano

Por la unua fojo mi sendas e-leteron al vi kies retadreson mi eksciis en via organo de HES kun kiu ni intersxanêis nian organon La Vocxo de Osaka Esperanto-Societo(OES).

Mi estas membro de la komitato de OES kaj ties respondeculo de intersxangxo de informoj kun HES pri la Memorfesto de la 10a jarigxo de gxemelurba rilato inter via urbo kaj Osaka.

En la lasta numero de nia organo La Vocxo ni aperigis la alvokartikolon de s-ro Gerald Roemer, unu el estraranoj de HES, ke utiligante la feston, HES kaj OES ankaux plifirmigu konkretan rilaton pere de ekz.reciprokaj vizitoj de la membroj al ambaû landoj, k.t.p.

Do nia komitato pridiskutis tion kaj decidis fari cxion eblan por la sukceso de la festo, kiu donos al ni ambaux bonan instigon por nia movado.

S-ro Roemer informis ke okaze de la festo li venos al nia urbo, en sekvanta majo, kun nia amikino Aosima, se eblas, kiel membro de la oficiala delegacio de via urbo. Ni bonvenigos ilin kun cxiuj arangxoj, kiujn s-ro Roemer konsideras necesaj.

Se li povos veni kiel membro de la oficiala delegacio de Hamburgo, estos tre facile al OES peti al la urboficejo de Osaka organizi kulturan prelegon de unu el membroj de la delegacio, nome s-ro Roemer, pri ekz.urboplanado aû mediprotektado fare de s-ro Roemer kun mencio ke OES povos kunlabori, interpretante la prelegon, por ekzemplo. Tio estos grava sciigo de realeco kaj utileco de nia lingvo al la publiko, cxu ne?

Kaj nia komitato decidis inviti juna(j)n samideano(j)n de via urbo, kiu(j) povos prelegi en esperanto pri io ajn, pri kio (i)li specialiêas kondiâe ke OES pagos âion necesan por restado en Osaka ekscepte pagon de aviadilo.

Cetere nia juna membro nomata IRII Hirosi 29 jaragxa decidis viziti vian urbon venontjare.

OES jam kontaktis kun la organizoficejo de la festo de urbo Osaka kaj ricevis favoran respondon kaj êi volas scii kiujn konkretajn proponojn OES povos realigi.

Kaj do OES volas ricevi realigeblajn proponojn de HES, kiujn ni volas aperigi en nia organo por sciigi antaûenmarsxon de nia afero al niaj membroj, se nun tio ne eblas, almenaû instigan saluton de HES por nia organo ene de cxi tiuj tagoj per interreto al mi.

Nu, estimata, b.v.informi s-ron Roemer-n kaj komitaton de HES pri cxi tiu novajxo kiel eble plej frue por ke li kaj gxi povu reagi por la propono de OES.

Kvankam unuafoje, permesu cxi tiun longan leteron sed ni kredas gxin tre grava kaj ankau interesa.

Atendante tre baldauxan respondon per interreto, amike via nome de OES.

HIRAI Yukio

hirai.yukio@nifty.ne.jp

Enhavo

---

**Renkontigxoj**

Kafoklacxo en Rostock
5a de Decembro 1998
En la vicoj de la Nordaj Kafoklacxoj
kiuj regule estas organizitaj de
SxELO (Sxlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo)
en Decembro oni renkontigxos en Rostock;
poste ie en Svedio.
Informoj: Esperanto Kiel
Johannesstraße 54 • 24143 Kiel
Tel: 0431 - 737788

---

Internacia Festivalo en Saarbrücken
27.12.1998 - 3.1.1999
por 25- gxis 55-jaruloj kaj familioj
kun aux sen infanoj.
Informoj: Hans-Dieter Platz
Postfach 1148 • 34303 Niedenstein

---

Zamenhoffesto de HES
12a de Decembro 1998

Helpemuloj bv. turni sin al
Jürgen Wulff aux Gerald Roemer

Enhavo
Re al Esperanto en Hamburg